55 Num. ★ Madrido - Februaro - 1922  VI Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRATA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



MONAĤEJO

# Zamenhofaj Vortoj

## PRI UNUECO

*Per unueco* ni pli malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide, ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune. (Krakow, 1912.)

Ĉiu vera amiko de lingvo internacia devas absolute silenti pri siaj personaj gustoj aŭ gustetoj, kaj ni ĉiuj devas antaŭ ĉio labori en *plej severa unueco*, por ke ni akiru por nia afero la *konfidon* de la mondo. (Cirk. Letero, 1908.)

## PRI NATURA EVOLUCIO

«Volapuk» pereis ĉefe pro unu grava eraro; kiun ĝi bedaŭrinde enhavis: absoluta manko de *natura evoluipovo*. (Antverpen, 1911.)

Lingvo, kiu devas trabati al si la vojon per laborado de amasoj, povas disvolviĝi nur per tre singarda vojo de *natura evolucio*; sed ĝi tuj mortus, se oni volus ĝin disvolvi per *kontraŭnatura* kaj danĝerega vojo de *revolucio*. (Cirk. Letero, 1908.)

## PRI LA LINGVA KOMITATO

Ĉar la Lingva Komitato ĝis nun faris ankoraŭ neniun rompon en la lingvo, tial la reformistoj ĝin kulpigas, ke ĝi estas senviva, senforta, senaŭtoritata, sentaŭga. (Cirk. Letero, 1908.)

Pli bone estas, ke la Komitato faru tro mulmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povus malutili al nia tuta afero. (Dresden, 1908.)

*L. L. Zamenhof*

## PRINCIPDEKLARO

En la nuna período ni, Esperantistoj, devas ĉion konsideri el propaganda kaj instrua vidpunkto.

Tia estu nia kondutregulo ĝis kiam la Registaroj *oficiale* akeptos Esperanton kaj ĝin *oficiale* enkondukos en la lernejojn.

Grava eraro estus opinii, ke pli facile, pli rapide, tion ili faros, se ni unue konsentas pri kelkaj reformoj: Francio anstataŭ Francujo, plena aŭ parta forigo de l' akuzativo, neŝanĝebleco de la adjektivo, *per* anstataŭ *de* post pasivo k. t. p.

Uzante nian Zamenhofan lingvon, montrante al ĉiuj, eĉ al la skeptikuloj, ĝian plenan taŭgecon en *ĝia nuna formo*, ni iros al la venko; sed, se ni *mem* kredigas, ke ĝi bezonas unue kelkajn «plibonigojn» (?), ni detruos la *konfidon* kaj pereigos nian tutan aferon.

Ni do simple uzu nian Esperanton. Ni ne perdu nian tempon kaj nian forton, diskutante aŭ kritikante ĝin.



Esperanto nin ĉiujn superas, kaj nia sola gloro estas modeste labori por ĝia estonta triumfo, kiun ni eble ne ĝisvivos, sed certigos, en necesa persona sinforgeso, nur per nia *kon-*

*kordo* ĉirkaŭ komuna programo: *Plena respekto al la lingvo, kiun donis al ni D-ro Zamenhof, por ke ni ĝin disvastigu senlace en la tutan mondon al pli alta celo!*

*Ch. Cart*
Prezidanto de la L. K.

Baldaŭ aperos: 1. Tria Aldono al U. V.—2. Plena listo de Ofic. Vortoj (sen traduko).—3. Listo de propre esp. Radikoj (kun fr. angl. germ. tradukoj).—4. Korektoj de la eraraj trad. de U. V.

---

# Malfermu viajn okulojn

La terura milito antaŭ nelonge finiĝinta donis al la mondo la plej trafan pruvon pri la neceseco de profunda kaj nepra solidareco inter ĉiuj nacioj: eĉ la venkintoj, eĉ la neŭtraluloj pli malpli suferas pro la konsekvencoj de la milito, kaj la ĉiulandaj civitanoj—aparte konsultite—unuanime ĵurus, ke ili ne plu volas iun ajn militon.

Tamen la faktoj montras al ni, ke la estraroj de la nacioj povus ankoraŭ, eble jam morgaŭ, ĵeti la homaron en novan militon, kiu verŝajne estus ankoraŭ pli terura ol la pasinta.

Do kiamaniere, oni povas esperi, ke la civitanoj ĉie malhelpos decideme novan interbuĉadon? Kiam ili intime kaj persone interkonatiĝos kaj konstatos, ke—kiel individuoj—ili tute ne konas la nacieman malamon. Kiam oni definitive forigos la absurdajn limimpostajn barilojn, kiam—konsekvence la aferoj ĉiunaciaj estos tiel intermiksitaj, ke la duono de la civitanoj de unu nacio estos kreditinto al la duono de la alia kaj reciproke, tiam Esperanto estos nediskuteble la plej certa rimedo por atingi tiun rezultaton. Tiom pli, ke nenia politika motivo povos ie ajn kontraŭstari la alprenon de tiu ĉi rimedo.

Alia terura kaŭzo de malamo kaj venĝemo inter du najbaraj nacioj estas, ke la venkinta nacio ĉiam volis, ĝis nun, altrudi sian lingvon al la venkita nacio en la konkerita teritorio. Kvankam tia decido povas iel ŝajni tirana, aliparte ĝi estas iom ekskuzebla, ĉar oni povas preteksti, ke la alpreno de ununura lingvo en unu lando estas preskaŭ necesa por la plej bona komprenebleco inter ĉiuj samlandanoj.

Ĉu ne estas evidente, ke la iama Aŭstrujo estus havinta multe pli grandan fortikecon se-flanke de la 16 malsamaj lingvoj parolitaj sur ĝia teritorio antaŭ ĝia dismembriĝo—ĝi estus ĝuinta komunan interŝanĝan lingvon? Ĉu ne estas evidente, ke la malgrandaj aŭ malfortaj nacioj havas specialan intereson por la ĝenerala alpreno de universala neŭtrala lingvo? Ĝi estos efektive grandega helpo por ilia ekonomia, politika, lingva kaj literaturo sendependeco kontraŭ la aliaj pli potencaj najbaraj nacioj. Samtempe ĝi alportos al ili netakseblan helpon kaj faciligon por la komercaj interrilatoj. Do, se la grandaj aŭ potencaj nacioj rifuzas subteni Esperanton pro la (kaŝita aŭ nekaŝita) espero altrudi sian lingvon al la mondo, despli grava estas la motivo, por ke la malgrandaj aŭ malfortaj nacioj subtenu Esperanton. Cetere la alpreno de unu vivanta nacia lingvo kiel internacia estus tute nepravigebla favoraĵo kaj ununura profito por unu nacio, kaj estas tute juste, ke la aliaj nacioj energiege kontraŭstaru tiun planon.

Do, ĉiuj malgrandaj aŭ malfortaj nacioj devus, evidente, sin interligi kaj starigi la devigan instruadon de Esperanto en siaj lernejoj. Tiamaniere ili konstruus tiel grandan forton, ke-vole, nevole-ĉiuj nacioj estus devigataj ilin sekvi. Cetere, ŝajnas al mi-laŭ miaj informoj-ke nun Esperanto estas jam pli favorata ĉe la malgrandaj kaj malfortaj nacioj.

Estas dezirindege, ke ĉiuj pli kaj pli komprenu tiun neceson kaj klopodu laŭ tiu vidpunkto. Tiam ni povos baldaŭ, per ilia hel-

po, altrudi al la homaro Esperanton, kiun ĝis nun ĝi tiel obstine kontraŭstaras (malprofitige al si mem), ĉar ĝi estas, ne neigeble, la plej sensacia progreso iam konita ĝis nun sur nia malfeliĉa planedo.

*Ernest Archdeacon*

El «Esperanto Triumfonta».

Estas rimarkinde, ke kiam mi verkis artikolon por ĉi tiu gazeto pravigante, ke nur Esperanto estas kapabla por forigi la militon por ĉiam, kaj ke ankoraŭ la popoloj vivas spirante militatmosferon kapablan ĵeti la popolojn en pli teruran hombuĉadon, ol pasinta estis, mia kara amiko, S ro Ernest Archdeacon same verkis esence. Certe estis spirita interrilato inter ambaŭ. Ni enamikiĝis dum karavana vojaĝo al XIII, kaj ni enamikiĝis frate; ni konstante interrilatis speciale pri homamaj celoj kaj ĉiam ni koincidis; ĉi tiu koincido laboris nian reciprokan spiritfratecon. Tial mi plenĝoje represas la artikolon de la klera homamanto kaj mi kuraĝas diri ankaŭ: «malfermu viajn okulojn!» kaj aldoni «ni tuj unuiĝu, ĉar unuiĝo estas nevenkebla forto», kaj mi aldonas ĉi tion, kion mi jam diris pere de «Homaro», ĉar en Esperantujo estas multnombraj ni, persekutante komunan celon en malgrandaj rondoj dividitaj de bagatelo: *vidi la komunan celon tra malsame kolorigitaj vitroj.* Tial ni iru kune; ni efektiviĝu solan Universalan Ligon de Esperantistoj el nunaj Oficialaj Instituciojn de Esperanto kaj UEA, kaj de ĉi tiu lasta estu fakoj specialaj ĉiaj internaciaj nunaj rondoj. Esperinde kaj espereble estas, ke ni sukcesu en Helsinki starigi potence tian Universalan Organizajon. Nun mi silentas opinion, kies celo fortigus eksterordinare la Universalan Ligon, ĉar mi deziras ke ĉi tiun oni fondu; sed se mi havus la feliĉon ĉeesti la XIV.an, tiam, mi klarigus ĝin kaj farus proponon, se mi ne havus la feliĉon, HISPANA ESPERANTISTO, oportune, ĝin klarigus.

*Julio Mangada Rosenörn*

MALNOVA RAKONTO

## KULPULOJ

Ne estas nokto pli malagrabla, pli malvarma, pli terura, eĉ en la noveloj de la alkoholigita Poe, eĉ en la absurdaj rakontoj de Hoffmann. eĉ en la frenezaj fantaziaĵoj de Erckmann-Chatrian. Tra la dezerta strato la vento blovas blekante nekompreneblajn kantojn ĝemantajn; en la vitraĵojn de la stratlampojn iras ektuŝegi paperaĵoj kaj stratmalpuraĵoj, kaj la flamoj ŝanceliĝantaj de la stratlampoj ŝajnigas, sur la murojn, timigajn figurojn, aŭgurantajn profilojn rigidajn, kiel pendigitojn; groteskajn, kiel grimacojn de gnomo; rapidajn, kiel flugilbatojn de strigo.

La pordoj de la konstruaĵoj estas tute fermitaj. Tra vitraĵo de iu balkono, iomete aperas delikata lumo. Okazas la unua tradicia festo. Ĝin festas en la urboj la riĉuloj, kunvenante en luksegaj manĝoĉambroj kaj aŭskultante muzikon. Tien, en la vilaĝojn, je la melankolia sonorado de la sonoriloj, ĝin festas en la hejmo la terkulturistoj grupiĝante ĉirkaŭ la fajro, en kiun saltas la kastanoj, kiam ili krevas pro kareso de flamo, de la maldelikata rostujo.

Ventblovego pli rapida, pli glaciiga, ol siaj fratinoj, levas densan polvtrombon. Kiam ĉi tiu dissiĝas, aperas en la strato grupo el personoj: antaŭen, ligitaj de ŝnuro, kubuto kun kubuto, piediras nudpiede du infanoj. Unu estas naŭjara; la alia, malpli. Ĉifonaĵoj ŝirmas iliajn korpetojn, kaj tra la ŝiritaj ĉifonaĵoj aperas la karno violkolorigita kaj frostsentema. La du marŝas sur la platŝtonoj iom rapide per mallongaj paŝoj; kaŝante la liberajn manojn en la poŝojn de la pantalono tute ŝirita; kuntirante suben la kapon hontantan, kaj timantan, klinitan sur la bruston, kiun batas la mortiganta nordvento; enprofundigante la kapon inter la ŝultrojn, kiujn kuntiras la glaciiga vento, kiujn ĉi tiu mordadas mortige.

Malantaŭen, jen la militpolicanoj, seriozaj kun malbonhumora gesto, kun la kasko en-



ROKO NOMATA «KAMELO»

metita ĝis la oreloj, kun la kolumo de la kapoto levita, kun la rigardo fiksita en la piedetojn nudajn de la malliberigitoj, piedetoj moviĝantaj persiste kaj senespere kvazaŭ forkurantaj flokoj.

—Ĉu vi kondukas ilin de malproksime— mi demandis.

—De la Ronda (1) - respondis la gvardistoj.

—Kion ili faris?

—Ili ŝtelis manpoŝon!

(La infanoj rapidigas la iradon.)

—Ili estas tre junaj!

—Ili scias pli, ol vi povas supozi. La plej aĝa estas famega jam; ni malliberigis lin kelkfoje.

—Estas nekredeble!

—Mi konstatas, ke ili estas du friponoj!

De la grupo infana venas al ni dolora eĥo, ĉu tremo, ĉu ĝemo, ĉu terno pro la mortiga malvarmo? Unu el gvardistoj, ĵus aŭskultinte la eĥon diras: «*Arre* (2) friponoj!», kaj la kulpitetoj akcelas la iradon sur la platŝtonoj; kaj iliaj kapetoj kun la hararoj kvazaŭ razitaj, enprofundiĝas inter la ŝultrojn pli kaj pli je la momento mem de la gvardista interjekcio, kiel se ili celus ŝirmi ilin kontraŭ bato.

Ni paŝas kontraŭ la Banko (1); poste, kontraŭ ĝardeno, en kiu la nudaj brančaroj de akacioj, poploj kaj aliaj arboj, balanciĝas pro la frostiga vento; poste, kontraŭ palaco, kontraŭ alia, kontraŭ alia... —Mia Dio! Al kiu apartenos tiom da mono? Ĉu ili ne havas patrinon? - mi diras.

—Tiuj havas nenion, nek honton. (Nova terno, nova kuntiriĝo de la frostigitaj brakoj.

—Kial ne aziligas ilin.

—Ili forkuras; ili volas esti liberaj. Plie, ne ĉiam estas lokoj por tiuj kanajloj. Kiam ni kaptis ilin, tiu diris, ke ĉi tiu estis la ŝtelisto.

—Kaj ĉi tiu, kion diris?

(1) Strato de Madrido, ĉe la eksterajo.

(2) *Arre* estas ekkrio por rapidigi la iradon de azeno.

(1) La ĉefa Banco, la Banko de Hispanujo.

— Ĉi tiu *kantis* (1) tuj. Ni scias *rimedojn* por devigi ilin *kanti* (1).

—Ĉu devigi ilin kanti?! Sed nur estas sola maniero por devigi kanti la birdojn kaj la infanojn: doni al ili liberecon, aeron puran, sunon; lokumi ilin ĉe la naturo, por ke ĉi tiu parfumu ilin per siaj sovaĝaj maturecoj; provizi al ili ne la malhelan ĉambregon de azilo, nek la grumblantajn preĝojn de hipokritulo, nek la batojn de gardanto aŭ karceristo; jes, la tremmoviĝantan kaj varmetan bruston de patrino. Kaj, se mankas patrino, antaŭ la infano nudpieda, la fruntoj devas demeti la ĉapelojn; la monujoj, malfermiĝi; la domoj, akcepti ilin; la fajroj, ekbruliĝi; apartiĝi, la kurtenegoj malbone akiritaj; la galonigitaj lakeoj, sin klini riverence!

La grupo estis malproksimiĝanta, malproksimiĝanta; la du infanoj preskaŭ nudaj, kapklinitaj iliaj kapoj, kiel verbenoj falĉitaj kaj velkintaj; la du infanoj tremantaj kaj maltrankvilaj, kiel idoj de koboldo. Poste, paŝfirme kaj ritme, la reprezentantoj de la aŭtoritatulo, de tiu aŭtoritatulo, kiu, fojon, sin klinas antaŭ la povulo iam leono; kaj alian fojon, kredas plenumi sian devon persekutante infanojn nudpiedajn.

Kion estis pensantaj la malfeliĉuletoj sin vidante ligitaj, kiam ili trairis, frosttremante kaj plorante, kontraŭ la luksegaj palacoj? Ili pensis, certe, ke la homoj estis pravaj persekuntante ilin; ke ili estis kiel monstraj abortitoj de la naturo. Kaj, pensante tiel, ili fine, eble, rezignaciiĝis. La rezignacio estas virto malkuraĝiganta kaj malplialtiganta la homecon; post ili ne estas morala alteco.

Oni kaptos ilin, tagon post tago; sed tago alvenos, kiam ili mortos aŭ sin sentos fortaj kaj povaj. Ili, kvazaŭ milvoj frostridigitaj skuante sian plumaron, konscios, ke iliaj nngegoj kreskis kaj fortiĝis; kaj, tiam, ili ankaŭ indiferente vidos infanojn nudpiedajn marŝantajn ligitajn kubuto ĉe kubuto, sentantajn sur iliajn dorsojn la blovon de la glaciiga nordvento; aŭdantajn la grumbladon de la viroj portantaj sabron kaj vestantaj uniforme, vidantajn kiel la nudaj branĉaroj de la arboj en la ĝardenoj de palacoj kaj luksaj domoj balanciĝas. Ĝis kiam, el tiu legio suferanta venkon, krima pro malzorgo de aliaj, el tiu militistaro el doloritaj infanoj sen patrinoj naskiĝu nova Masaniello, Louverture, Napoleono, kiu per sia glora spado inaŭguraciu potencan epopeon por la Justeco kaj Libereco.

*Antonio Zozaya* hispane verkis

(1) Kanti estas deklari la kulpon, kaj la *rimedoj* estas vergobatoj, kaj ceteraj inkviziciaj procedoj.

---

# POR ESPERANTO

Mi ĵus ricevis la jenan leteron kaj demandaron, kiujn mi aperigas sur ĉi tiujn paĝojn, por ke, kiel eble plej detale kaj rapide, ĉiuj Esperanto-Societoj plenumu la ĝravegan taskon, kiun la dokumentoj prezentas al la tuta Esperantistaro; la dokumentoj pravigas la cirkulerleteron, kiun mi dissendis antaŭ neionge.

«Ligo de Nacioj.—Societe des Nations.

»Geneve, decembro 1911.

»Estimata sinjoro:

»Vi sendube aŭdis pri la decido de la Ligo de Nacioj enskribi sur la tagordon de sia tria Kunsido la temon pri la instruado de Esperanto en lernejoj. La ĝenerala Sekretariaro estis komisiata prepari plenan raporton pri la jam faritaj spertoj kaj la rezultatoj jam atingitaj.

»Ni estos tre dankaj se vi bonvolas havigi al ni la tutan necesan informaron pri la instruado, la disvasteco kaj la uzado de Esperanto en via lando. Tial ni petas vin afable sendi al ni kiel eble plej frue plenan kaj precizan rasporton, respondante al la kunmetita demandaro kaj donante akuratan faktaron.

»Kun esprimo de alta estimo, via, *Inazo Nitobe*, Vic-Sekretario generala, Direktoro de la Sekcio por Internacia Oficejaro.



ROKO NOMATA «SALAMANDRO»

»LIGO DE NACIOJ

»1. Afable sendu al ni mallongan historian resumon pri la esperanta movado en via lando.

»2. Kia estas la nuna stato kaj vasteco de la movade (donu statistikon pri societoj, grupoj, kongresoj, kunvenoj, k. t. p.)

»3. Kia estas la proksimuma nombro de personoj lernintaj esperanton en via lando?

»4. Kiu Esperanto-libroj aperis en via lando? *a*) lernolibroj; *b*) vortaroj; *c*) aliaj libroj en Esperanto (bonvolu sendi katalogon kaj se eble specimenojn apartigante originalojn kaj tradukojn).

»5. Kiom da ekzempleroj de lernolibroj aperis entute en via lando?

»6. Kian oficialan helpon Esperanto ricevis de nacia aŭ loka registaro (leĝoj, decidoj, registaraj delegitoj al kongresoj, kreditoj, subvencioj, privilegioj aŭ ia alia formo de subteno)?

»7. Kian publikan subtenon Esperanto ricevis de gravaj societoj, institucioj aŭ eminentuloj en via lando? (bonvolu aldoni al via raporto kopion de la rilataj dokumentoj kaj necesan nomaron).

»8. Por kia aparta celo esperanto estis jam uzata en via lando? (afable citu rimarkindajn ekzemplojn en komerco, scienco, politika propagando, filantropio, turismo, k. t. p.)

»9. Kiuj Esperanto-gazetoj aperas en via lando kaj kiuj aliaj gazetoj publikigas regulan esperanto-rubrikon?

»10. En kiuj lernejoj kaj institucioj Esperanto estas instruata en via lando? (devige aŭ nedevige? donu nombron de klasoj, de lernantoj kaj de instruantoj).

»*a*) En unuagradaj lernejoj,

»b) En duagradaj lernejoj,
»c) En teknikaj aŭ komercaj lernejoj,
»d) En universitatoj,
»e) En institucioj diversaj (blindulejo, orfanejo, k. t. p.)
»f) En privataj lernejoj diversgradaj,
»g) En komplementaj instruejoj,
»h) En vesperaj kursoj, publikaj aŭ privataj.

»11. Kia estas la rezultato de tiu instruado? (se ekzistas raportoj, bonvolu sendi ilin. Plia pedagogia, socia aŭ morala informo pri tiu instruado estos utila).

»12. Kiom da lecionoj estis necesaj por ebligi la lernantojn al praktika kono de Esperanto kompare kun fremdaj lingvoj? Ĉu Esperanto montris sin utila al posta lernado de fremdaj lingvoj?

»13. Kioma proporcio de geinstruistoj scias Esperanton kaj kia praktika ebleco ekzistas por prepari aliajn?»

Mi petas el ĉiuj enlandaj Esperanto Federacioj, ke ili faru la laboron kaj sin turnu rekte al la Ligo de Nacioj ĉar mia laboro por kaj pro la gazeto ne permesas al mi plenumi tion, kion la antaŭaj dokumentoj petas, kaj la graveco de la afero postulas rapidan, viglan kaj detalan laboron. Ni helpu tiel tre efike la sukceson de Esperanto. Instruistoj estas petataj sin turni al Federacioj priskribante la spertojn atingitajn per instruado de Esperanto.

Ĉi tiu ĝazeto dum la teruraj militjaroj estis la sola tigilo, kuraĝigilo kaj subtenilo de Esperanto en nia lando; «Federacio Zamenhof» estis la sola vigla organizaĵo dum la teruraj jaroj; ĉion ĉi tion konstatis la gvidantoj de Esperanto eksterlande, la Oficialaj Institucioj de Esperanto, pere de ĉi tiu gazeto, kiun senintermanke ili ricevadis kaj ricevadas; sed nun, feliĉe por Esperanto, la regionaj Federacioj ekagas entuziasmege, kaj «Zamenhofa Federacio» neniel devas uzurpi al ĉiu el ili tion, kion al ili apartenas: ĉiu faru sian laboron eĉ interkonsente plenĝoje unu helpu la alian kaj poste ĉiuj montru, per la oportunaj dokumentaroj, la progreson nunan de Esperanto en la tuta lando al la Ligo de Nacioj.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# NIAJ BILDOJ

## MONSERRAT

Je la mezo de la krutaĵo, orienten, staras la fama monaĥejo, en kiu oni adoras la Virgulinon. Antaŭ ol alveni al ĝi oni trovas la preĝejon *Sankta Cecilia* kaj kapeleton de Sankta Mikaelo, kaj suden de ĉi tiu kapelo la ŝtonegoj aperas tute abisme tranĉitaj ĝis la bordo de la rivero *Llobregat*. En la deklivo de la montareto al oriento, sub altega ŝtonego, inter du piramidaj altaĵoj, estas groto, en kiu, laŭ pia tradicio, oni trovis la mirakIan bildon de la Virgulino, kaj en ĉi tiu loko oni starigis belan kapelon, de kie oni iras al la monaheĵo sur vojo farita intertimigaj abismoj, kaj longa je 500 m.

Sur la pintoj de iuj rokoj staras ermitejoj; aliaj ermitejoj aperas ĉe la profundaj kavaĵoj; ĉiuj estis iam, antaŭlonge, loĝejoj de izolitaj pentofarantoj.

Oni diras, ke la romanoj nomis ĉi tiun monton *Estorcil*, kaj ke sur ĝin ili estarigis templon al Venuso; ankaŭ oni atribuas al *Vifredo el Velloso (la Vilhava)* esti fondinta tie ĉi alian sanktejon. Sed konstatite estas, ke je 888, Vifredo donis la lokon Montserrat kun ĝiaj preĝejoj al la monaĥejo de Ripoll, kaj je la sekvanta jarcento, sur privilegio sama de la grafo Sunyer, oni citas la preĝejon de Sankta Mario kun ceteraj. Je la XI.ª jarcento, monaĥoj de Ripoll loĝis en Montserrat regataj de prioro, kiun elektis la abato de Ripoll kun la monaĥoj de Montserrat; tiel okazis ĝis junio de 1410, ĉar je tiu dato Benedikto XIII.ª sendependigis ĝin de la abato de Ripoll, kaj Montserrat fariĝis abatejo. El antikva konstruaĵo restas bizantina pordo; el la gotika, parto el klaŭstro, kiun



ROKO TRABORITA

faris la arĥitekturistoj de Barcelono *Maese Jaime Alfonso* kaj *Maese Pedro Baset*, kvankam je 1392 konstruis iujn partojn el la monaĥejo la fama arĥitekto *Jaime Dez Más*. La antikva preĝejo, kvankam dum jarcentoj oni ĝin riparis, nur prezentas intereson pro siaj muroj plenaj je tomboj. Je 1489 oni faris la bazon de la nova preĝejo, sed tial ke oni interrompis la laboron, kiun oni reentreprenis je la 11.ª de julio, de 1560, oni povas konsideri, ke je ĉi tiu da o oni ekkonstruis ĝin, kaj oni ĝin finis la 2.an de februaro, de 1592. La reĝo Filipo II.ª pagis la grandaltaron, kiun skulptis la fama skultisto Esteban Jordan en *Valladolid*, kaj la altaro estas unu el tri verkoj famigantaj lin: la altaro konsistas el tri partoj korintia stilo simpla la du unuaj, kaj malsimpla la tria, ĉiuj plenaj je statuoj, subreliefoj kaj aliaj skultajoj. Je septembro de 1598, la reĝo ordonis al pentristo *Francisco López* iri de Madrido kun dek elektitaj laboristoj por pentri kaj orumi la altaron, kaj tiun laboron ili faris dum du jaroj. Je la 8.ª de majo, de 1578, la skulptisto *Cristóbal de Salamanca* subskribis kontrakton por skulpti la seĝaron de la ĥorejo kondiĉe skulpti ĉiujn laŭ du prezentitaj de li, kiel modeloj; kaj la monaĥejo provizis al li la lignon el kverkoj. Li faris la loboron en Monistrol, ornamante la seĝaron reliefe; la 36 subaj seĝoj prezentas scenojn de la Vivo, Pasio kaj Morto de Jesuo; ĉiu el la 53 supraj seĝoj prezentas statuon de sanktulo je natura amplekso; supren estas irejo. Ĉi tiu skulptisto ankaŭ laboris la mirindan kradon, per kiu oni apartigis la presbiteriejon el cetero de la preĝejo, je 1608. *Don Juan de Aŭstrio*, filo de Filipo IV.ª, je 1657, ordonis orumi la internajon de la preĝejo. Sed militoj, ribeladoj kaj precipe

la francaj militistaroj de Napoleono, kiuj ŝtelegis kaj poste bruligis la monaĥejon, detruis tiom da riĉaĵoj. Rimarkinda ankoraŭ estas la antikva absido interna, kaj same la ekstera, nova kaj romanstila. La moderna konstruaĵo estas grandioza.

# Al la Andaluzia Esperantistaro

Karaj samideanoj:

Laŭ propono de S-ro Maraury, el San Fernando (Cádiz), varme akceptita de ĉiuj, kiuj ĉeestis jusan kunsidon en Sevillo por restarigi Andaluzian Federacion, ĉi tiu estas decidinta sendi delegiton en la venontan Helsingforsan kongreson se oni atingas la eblecon tion fari per la jenaj kondiĉoj:

1.ª La delegiton oni elektos per loto inter ĉiuj la rajtigantoj.

2.ª Ĉiu samideano kiu volu esti elektebla devos, nepre, monhelpi la agadon, kaj lia kioma elektebleco estos, kompreneble, rilate kaj proporcie de lia monhelpo.

3.ª La monhelpojn oni devas sendi al S-ro Roberto Maraury, kiu estos kasisto kaj kontoristo de ĉi tiu entrepreno por ne multobligi la grandan laboron, kiu pezas nun sur kasisto de la Federacio.

4.ª Por konfidigi ĉiujn, oni faros la elekton de delegito profitante la Nacian Loton.

5.ª Por plenumi la antaŭan kondiĉon ni publikigos dum la junia monato cirkuleron enhavantan la nomojn de ĉiuj rajtigantoj, pesetojn kiujn ĉiu estos donacinta kaj numerojn kiujn apartenos al ili (laŭ alfabeta ordo kaj proporcia kiomeco de ilia mondonaco) el loto kiun ni diros de la Nacia Loterio.

6.ª Se la loto elektus personon kiu ne povas aŭ ne volas iri en Helsingfors, ĉi tiu samideano rajtas nomi anstataŭanton inter la ceteraj partoprenantoj de la loto.

7.ª Por plifaciligi la projekton ni konsentas la partoprenadon de ĉiuj hispanaj samideanoj kiuj, konante iomete Andaluzian Federacion, povu ĝin reprezenti dece en la Internacia Kongreso.

8.ª Se oni ne atingos sufiĉan monon por efektivigi nian deziron, S-ro Maraury resendos tuj al ĉiu donacinto sian donacon.

★

Por alvojaĝi en Helsingfors ekzistas du linioj: fervoja kaj ŝipa. Laŭ faritaj kalkuloj, la fervoja estos sendube la plej malkara, ĝia kosto estas nefiksebla akurate ĝis kiam la organizantoj de la karavano de Lyon (Francujo) sciigos sian budĝeton popersone, ĉar delegito devas aniĝi.

La prezo de la entrepreno, 3.ª klaso dumfervojo kaj 2.ª surŝipo, ĝis kiam Lyon sciigos siajn specialajn prezojn, estas:

| | | |
|---|---|---|
| Hispana Fervojo............ | Ptoj. | 100,20 |
| Por la reveno..................... | » | 100,20 |
| Manĝado dum 6 tagoj........ | » | 80,00 |
| Entute, dum hispana vojaĝo.. | » | 280,49 |
| Franca fervojaĝo de Cervere-Lyon-Dijon-Belfort... | frankojn | 53,20 |
| Por la reveno............. | » | 53,20 |
| Manĝo dum 4 tagoj....... | » | 80,00 |
| Francaj frankoj............. | | 186,40 |
| Entute dum franca vajaĝo en pesetoj. | | 100,00 |

Mankas scio pri fervojaj prezoj en Germanujo inter Belfort kaj Stettin, kiu certe estos malmulto pro la marka valuto.

El Stettin (Germanio) eliros la 2.an Aŭgusto ŝipo, versajne «Ariadne» alvenonta en Helsingfors la 4.an. La prezo en 2.ª klaso estos maksimume 640 finlandaj markoj kun manĝo kaj lito dum marvojaĝo. Laŭ la valuto de la finlandaj markoj, estos pesetoj...................... 77,00

| | |
|---|---|
| La ŝipo forveturos el Helsingfors al Stettin la 12.an de Aŭgusto vespere; revena vojaĝo kostos aliajn 77 pesetojn; tio estas: marvojaĝo entute. | 154,00 |
| 8 tagoj en Helsingfors, potage, 3.a klaso, 70 finlandaj markoj estas 560 finlandaj markoj aŭ pesetoj....... | 67,00 |

Aliaj elspezoj estos:

| | |
|---|---|
| Kongreskotizaĵoj.................. | 20,00 |
| Pasportvizoj....................... | 75,00 |
| Trinkmonoj k. c.................. | 50,00 |
| Entute, pesetoj.............. | 145,00 |

REZUMO

| | Pesetoj. |
|---|---|
| Vojaĝo tra Hispanio iro kaj reveno.. | 280,40 |
| — — Francio — — — .. | 100,00 |
| — — Germanio, Stettin-Helsing Stet............................ | 154,00 |
| Restado dum Kongreso............ | 67,00 |
| Pluaj elspezoj...................... | 150,00 |
| Tuta kosto (escepte German-fervojo. | 751,40 |

Eble karavano permesos pluan malkarecon. Ankaŭ oni povus, senecese, ŝpari kongresan kotizaĵon petante la Kongreson ke apliku tiun pagitan de S-ro R. Maraury, kiel helpkongresano, al enskribo de nia delegito.

Por faciligi al mondonacojn oni povos fari ĝin unufoje aŭ kotizante ĉiusemajne kiel jam faras kelkaj andaluzianoj.



Por realigi ĉi tiun entreprenon estas jam promesintaj mondonacojn la jenaj samideanoj:

| | Pesetoj. |
|---|---|
| Grupo de San Fernando garantias atingi per kotizaĵoj.............. | 90,00 |
| Grupo de Jerez garantias atingi per kotizaĵoj........................ | 100,00 |
| | 190,00 |
| Grupo de Sevilla promesis, krom personkotizaĵoj.................. | 100,00 |
| Roberto Maraury, el San Fernando.. | 100,00 |
| Gaudencio Vazquez, el Nerva....... | 5,00 |
| V. Vázquez, el Nerva............... | 5,00 |
| José Garzón Ruiz, el San Fernando.. | 10,00 |
| Francisco Serrano Olmo, el Córdoba | 15,00 |
| Juan Serrano Olmo, el Córdoba..... | 25,00 |
| Isidoro Díaz, el Tocina............. | 10,00 |
| | 460,00 |

Se oni atingus per la mondonacoj pli ol mil pesetojn, nur 1.000 estos donotaj al la delegito kaj la ceteraj al la kaso de la Andaluzia Esperanta Federacio kiel donaco por pligrandigi ĝian kapitalon.

Petu klarigojn kaj sendu mondonacojn al S-ro Roberto Maraury. Doganestro.—San Fernando (Cádiz).

*Andaluzia Esperantista Federacio*

La Prezidanto, *F. Serrano Olmo* — La Secretario, *R. Luque*

Córdoba, 19 Marto, 1922.

# Pri la I.a Kongreso nia

Post grandaj penadoj de nia kara samideano Benigno Luna por organizi la I.an Kongreson de Esperantistoj de Iberiaj Landoj en Pardo-Madrid, li ne sukcesis arigi ĉirkaŭ si sufiĉajn kaj entuziasmajn samideanojn por vigle labori. Ankaŭ la marokaj okazintaĵoj, kiuj altiris atenton ĉies, speciale de la ŝtataj institucioj, tro malhelpis; kaj tial S-ro Luna rezignis la aranĝon.

Dum la II.a Diskuta Kunveno en Zaragoza mi jam esprimis miajn opiniojn pri la mal-

facila aranĝo; sed entuziasmo ies tion decidis kontraŭ mia opinio favora je Bilbao.

Niaj samideanoj de Vaska Federacio ĵus rajtigis tiujn de Levantina Federacio por organizi la Kongreso en Valencio dum la printempo de 1923 okaze de gravaj festoj en Valencio, pro kio nia I.ª plej bone sukcesos. Dume ni agadu senĉese kaj senlace por progresigi Esperanton.

*J. M. R.*

# Famaj vegetaranoj

Eliseo Reclus, la fama geografiisto estis vegetarano.

Tolstoi, dum multaj jaroj, ne manĝis viandon.

La profesoro Wirchou, demandita pri tio, kion manĝos la homaro venonta diris: «La estonto estas de la vegetaranoj».

La kantistino Patti diras, ke ŝi nur manĝis dum sia vivo verdaĵojn kaj fruktojn. Dank' al tio, ŝi sin konservas tiel bone.

Fine, Edisson laboras dum multaj horoj ĉiutage neniam laciĝas. Li diras ke li havas tiel grandan mallaciĝemon kaj tiel fortan intelekton dank' al sia nutrado, kiu konsistas nur el pano, fruktoj kaj lakto.

# BIBLIOGRAFIO

**Fundamenta Gramatiko de Esperanto** de de D-ro Pier Carlo Monti, Diplomita Profesoro de Esperanto (Itala Katedro de Esperanto, Sidejo de Milano—Via Rossari, 2), 13 × 18 cm., estas simpla lernolibro tute esperante verkita en dekdu lecionoj, sepdek paĝojn. La verko bone utilas.



**Esperanto.** Die Grammatik von Dr. Samenhof mit Erlaŭ terungen von Prof. P. Christaller (La gramatiko de D-ro Zamenhof kun komentaro de profesoro P. Chistaller). La aŭtoro, ju pli modesta, despli kompetenta, akademiano, kaj entuziasma pacemulo verkis ĉi tiun tre bonan lernolibron aperigante germane kaj esperante la tekston tiamaniere, ke la lernanto povas sekvi ne turnante la paĝon la enhavon. La aŭtoro sin bazas sur la fama pra-gramatiko de la Majstro kun ĝiaj dekses reguloj senesceptaj, kaj ilin komentas li per nombritaj paragrafoj, utiligante la plej esencan enhavon de la Zamenhofaj «Lingvaj respondoj», kiuj aperis en «La Esperantisto» 1889-1893, en «La Revuo» 1906-1908 kaj en «Oficiala Gazeto» 1911-1912. Per la verko tute certe la aŭtoro atingos sian celon «pliprofundigi la ĝojon pri Esperanto kaj la konon pri tiu lingvo» por ke la esperantistoj povu skribi klasikan Esperanton. La verko estas 73 paĝa, 13 × 19 cm., kartonita, bone prezentita. Havebla ĉe Verlag von Wilhelm Violet in Stuttgart—Germanlando.



**Perloj el la Oriento** estas libreto, 13 × 18 cm., 40 paĝa, n-ro 1, serio II.ª de Japana Biblioteko Esperanta, eldonita de Nippon Esperanto Sya (Tokio, Kanda-ku, Omotesarugakutyo, 2); prezo: Yen 0,50 afrankite.

Pravaj estis la japanaj samideanoj decidinte eldoni tradukaĵojn de klasikaj japanaj kaj ĥinaj verkoj pri historio, tradicio, legendoj, poemoj kaj filozofaĵoj, per kiuj ni povas konatiĝi kun klasikaĵoj. La aŭtoro, *celis pli, ol bonan stilon, fidelan respeguligon de la originaloj,* jen kial la verketo aperigas iomete strangajn esprimojn kaj ne sufiĉe klarajn; kaj ni rimarkis ankaŭ kelkajn nefundamentajn vortojn kaj nekorektaĵojn; tamen ĉi tio

ne malpligrandigas la meriton de la verko, kiu vidigas al ni la tre malnovan literaturon ĉarman de ĥinoj kaj japanoj, kaj la merito estas despli granda, ĉar la verko elpruvis la solvon de problemo, tial ke ĝis nun estis neeble vidigi per eŭropaj lingvoj la plenan valoron de la ĥina kaj japana literaturoj, per Esperanto dank' al ĝia simpla kaj libera strukturo ni tion trafis.

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**San Fernando (Cádiz).**—La 29.an de la pasinta monato en la ĉefa salonego de la Laborista Centro, kaj antaŭ multenombra ĉeestantaro nia malnova kaj sperta samideano kaj kompetenta advokato, S-ro Jozefo Garzón Ruiz, elokvente kaj konvinkige paroladis pri Esperanto nepre necesa por la internacia interkompreniĝo; li elpruvis per belegaj paragrafoj pravege fundamentitaj; ke Esperanto estas vivanta lingvo simpla, belsona fleksebla; ke Esperanto progresadis eksterordinare, certigante la progreso ĝian baldaŭan triumfon; ke Esperanto estas facile lernebla pro sia simpleco, kaj ke neniu lingvo nacia povas ludi la rolon por internacia interkomprenilo. Mirinde, de la historia vidpunkto, la oratoro elpruvis, ke la homo ĉiam sentis la neceson interrilati kun siaj similuloj; ke ĉi tiu sento devigis lin elpensi la manieron satigi la neceson kaj ampleksigi ĝin al fremdaj gentoj kaj nacioj, kaj pri ĉi tiuj li jesis: ke ili estas artifikaj kreitaĵoj devenantaj de multenombraj kaŭzoj kreintaj ilin, aliformigantaj ilin kaj detruintaj detruantaj kaj detruontaj ilin; ke ĉiuj nacioj estas ĉe la plej vasta agadkampo tiamaniere nuntempe, ke hodiaŭ la ideoj disvolviĝas spite de ĉiaj baroj, kaj ke ĉi tiu disvolviĝo postulas komunan internacian helpan lingvon, Esperanton.

Varmege aplaŭdadis la oratoron la ĉeestantaro, kaj la samideanoj de la Grupo de Jerez, kiuj aŭtomobile iris al San Fernando por aŭkulti la paroladon, petis al S-ro Garzón saman paroladon por sia grupo kaj la petito ĝentile komplezis la petintojn.

Ĉi tiu parolado estis kvazaŭ inaŭguracio de la Esperanta kurso, kiun klarigas S-ro Roberto Marauri; kaj la parolado samtempe estis revekiĝo de unu el plej malnovaj kaj entuziasmaj pioniroj de Esperanto en nia lando. La rezultato de la parolado, de tiu, kiun la oratoro faros en Jerez, kaj de la kursoj en San Fernando kaj Jerez estos bonega por nia celo. Koincidas ĉi tiuj okazintaĵoj kun la vigla restarigo de Andaluzia Federacio.



**Cádiz.** Baldaŭ renaskiĝos la Esperantista Grupo dank' al agado de samideanoj de San Fernando kaj Jerez kaj al entuziasmo de iuj Cadizanoj.



**Córdoba.**—La Esperantista Grupo Kordova la 12.an post diskutado pri kelkaj aferoj kiuj estis en la tagordo oni aprobis decidojn por helpi la publikigadon de HISPANA ESPERANTISTO, helpi la agadon de Andaluzia Federacio kaj fari propagandon publikigante cirkulerojn kaj malfermante kursojn.

La Komitato por 1922 konsistas, ankaŭ laŭ decido, el la jenaj fervoraj samideanoj:

Honora Prezidanto: S-ro Paul Linares Rapet, inĝeniero.—Prezidanto: Rogelio Luque Díaz, librovendisto.—Vicprezidanto: Rafael Vázquez Sanz, kuracisto.—Sekretario: Juan Serrano Olmo, komisiisto.—Vicsekretariino: F-ino Ana Mejías Román, profesorino.—Kasisto: S-ro Manuel García Berral, komercisto.—Voĉdonantoj: Pantaleón Marivela, elektristo; Manuel de Miguel Sanz, komercisto; Antonio Luque Díaz, librovendisto; Melchor Bravo, infanteria kapitano; F. Serrano Olmo, komisiisto.



**Valencia.**—Post la enkonduko de Esperanto én la Universitaton, nia afero antaŭeniras iom post iom. Nia jara specimena Foiro Valencia ĉi tiun jaron uzos Esperanton kiel propagandan lingvon pere de la servoj de UEA.



**Bilbao.**—Feliĉe por Esperanto ni inaŭguraciis la 19.an de ĉi tiu monato, nian novan grupejon.

Pro tiu grava okazo (ĉar estas necese kompreni kiel malfacile estas en Bilbao nun, trovi ejon) ni kunvenadis je la dekunua matene, en niaj salonoj, strato Merced, 1, 1.º, kie S-ro Felikso Díez, prez. de la bilbaanoj kaj S-ro Eugenio Lunate de la baralkaldaj samideanoj kaj la entuziasma samideano S-ro J. Larrea, paroladis la ĉeestantaron, kiu plenigis la lokon'. La tri estis varme aplaŭditaj. Nia kara Felikso, faris historion de la tempo kiam ni, bilbaôaj esperantistoj, estis devigataj malprofiti bonajn okazojn por propagandadi faktojn, verajn sukcesojn de Esperanto, ĉar la entuziasmo de nia malgranda senhejma grupeto, malofte kunvenadis. Li rememoris ankaŭ niajn amikojn karajn, kelkajn for el urbo, kaj aliajn malfeliĉe, for el la vivo.

Laŭ entuziasmo, kiun oni rimarkas inter la esperantistoj ĉi tieaj, baldaŭ la verda stelo de la esperantismo, lumos tiel brile kiel antaŭe en Bilbao.

Je la unua postagmeze, ni sidis ĉe tablon, kie ni festenis en plej agrabla harmonio je la inauguracio de la hejmo de la esperantistoj bilbaoaj.



**Santander.**—La samideanoj el La Albericia kaj ĉirkaŭaj vilaĝoj decidis interkonsente kun tiuj de la Grupo «Juneco» fondi apartan Grupon kaj ĝin nomi «Zamenhof», ĉar por kaj pro la bono de Esperanto la apartiĝo estas konvena kaj necesa; tial, jus, la unuaj fondis la Grupon «Zamenhof» kaj nomis la jenan komitaton: S-ro Federico Venero, Prez.; S-ro Leopoldo Andueza, Sekretario; S-ro Cecilio Navarro, Vicskr.; S-ro José Salcines, Kasisto; S-ro Manuel Peña, Bibliot.; S-roj Celso Aspiazu kaj Antonio Toca, Voĉd.

La Grupo «Juneco» voĉdonis S-rojn A. Tomás Iglesias, Prez.; Nicasio Pelayo, Vicp. (reelektita); Antonio Cubas, Sĉk. por aktoj; Serapio Elvira, Sek. por korespondado (reelektita); Antonio Mediavilla, Kas. (reelektita); Angel Iturbe kaj Juan Goitiandría, Voĉd.

Ĉi tiu grupo atingis ke la kocieto, al kiu apartenas Laika Lernejo, konsentu klarigadon de Esperanto en sia Lernejo per tute aparta kurso sendependa, kaj ankaŭ la Societo decidis protekti la grupon. La kurson gvidas S-ro A. Tomás Iglesias, kaj ĝi promesas bonan sukceson.

La du grupoj starigis interkonsente komitaton por propagando; por ĉi tio, per ĝenerala voĉdonado oni elektis S-ron A. Tomás Iglesias, Prezidanto, kaj ĉiu Grupo aparte elektis sian komitatanon, kiuj estas S-ro Cubas de Juneco kaj S-ro Venero de «Zamenhof».

S-ro Jozefo Efren Pedraz, marpiloto, reveninte de longedaŭraj vojaĝoj, dum kiuj li multe spertis per Esperanto, entuziasmiĝante pli kaj pli, faros paroladon pri Esperanto en la Ateneo por preparo al kurso de li klarigota en tiu grava societo.



## EKSTERLANDA

Esperanto antaŭeniras senĉese en la tuta mondo kaj ĉiaj rondoj interesiĝas pri nia lingvo ĉar ili konscias ĝin tre taŭga por ĉiaj rilatoj. Multenombraj estas la lernejoj akceptintaj Esperanton kaj instruante ĝin, kaj tre esperigaj estas la rezultatoj. Ankaŭ tre efikaj por la progreso de la lingvo estas la esperantaj fakoj de la Internaciaj Specimen foiroj, kaj rimarkinda estas la interkonsento

inter la Foiroj de Padova kaj tiu de Praha porke Esperanto estu la lingvo por iliaj interrilatoj; Specimenaj Foiroj Internaciaj kaj aliaj Foiroj multe helpas la lingvon kaj per la lingvo sin helpas, eldonante katalogojn, prospektojn kaj propagandilojn esperante.

Iom post iom Komercaj ĉambroj kaj gravaj Institucioj akceptas nian lingvon eĉ sindoneme donacas monon por la propagando al naciaj Esp-asocioj: Komercaj ĉambroj de Limoges, Bolbec kaj Tulle voĉdonas pri enkonduko de Esperanto en la komercaj lernejoj, kaj tiu de Limoges aliĝas al la decido de la Pariza; la I.ª Internacia Kongreso Demokrata en Parizo akceptis proponon pri disvastigo de Esperanto kaj precipe pri enkonduko de Esperanto en la lernejoj de ĉiuj landoj; la tre grava Asocio Komerca, Industria kaj Terkultura de Lyon akceptis Esperanton: la subvención da 25.000 markojn de la Finnlanda Registaro atingis Esperanto spite de opinioj de parlamentanoj favoraj dividi ĝin por Esperanto kaj Ido; en la dua Kongreso de eksmilitintoj en Wieen, Henri Barbusse, proponis, kiel prezidanto, organizi aŭ helpi organizi la disvastigon de Esperanto, per kiu viktimoj de la milito kaj la militintoj multe gajnos; la direkcio de la fervojo Kaschan-Oderberg (Aŭstrio-Silezio) ordonis oficiale lerni Esperanton al sia oficistoj kaj laboristoj kaj per speciala cirkulero sciigis ke ĝi akceptos por la servo de la fervojo personojn parolantajn Esperanton; en Germanujo, la urbestraro de Offenbach voĉdonis 7000 markojn por pagi instruistojn de Esperanto por 300 infanoj; la urba biblioteko de Essen sin provizis el esperantaj libroj; la grava Akcia Societo el Dresden, «Mimosa», donacis 20.000 markojn al Germana Esperanto Asocio por la propagando kaj disvastigo de Esperanto, kaj ĉi tiu urbo kalkulas jam 14 grupojn; en Bulgario, la Ministro de popola Instruado preparas la novan programon por la realaj lernejoj kaj nomis S-ron G. Aktarĝiev membro de la komisiono por Esperanto; en 29 gimnazioj oni instruas Esperanton: en la popolaj lernejoj de Bologna (100 kursoj) oni klarigas Esperanton oficiale de la I.ª de Januaro, kaj aliloke de Italujo same ankaŭ progresas la lingvo: la Komerca Ĉambro de Locarno (Svisujo) petis opinion pri Esperanto al ĉiuj svisaj Komercaj Ĉambroj, el kiuj naŭ respondis favore kaj *unu* male; en la Popola Universitato de Lugano 44 personoj lernas la lingvon, en aliaj lokoj la movado kreskas. En Aŭstralio, la labor-partio rekomendas Esperanton por la lernejoj, kaj en iuj malliberejoj de Novzelando oni klarigas la ligvon. La Esperantistoj de Meksikio forte renaskiĝas kaj varme ekpropagandas. En Japanujo ĵus okazis la VIII.ª Kongreso nacia de Esp., en kiu oni proponis malpliigon de Esp. gazetoj en la lando; S-ro S. Uno, zoologiisto de la Imperia Universitatp esprimis decidon verki siajn fakajn laboraĵojn esperante, kaj S-ro W. Uiŝi, direktoro de la Obsevatorio parolis ke oni uzas Esperanton por ĉiuj aferoj de lia Observatorio.

La parizaj samideanoj tre multe esperas de la Esperanta Kiosko starigita en la ekspozicio de aeronaŭtiko en la «Grand-Palais» en Paris ĉar la vizintantaro multe interesiĝas pri la afero pro la perfekta kaj taŭga laboro kaj funkciado de la kiosko.

En Danujo, okaze de polemiko, per diversaj gazetoj inter la fama Idisto prof. Jespersen kaj S-ro Alfr. Christensen, entuziasma kaj kompetenta Esperantisto, vekis la atenton favore por nia lingvo en Odense, kies du Esp. Societoj kuniĝis kaj vigle agadas en la urbo kaj eksteren.

En Rusujo la poŝt-telegraf-telefon-radiotelegraf-istoj starigis tutruslandan Ligon, kaj dezirante starigi interrilaton de ĉiuj vidpunktoj kun siaj alilandaj kamaradoj, decidis ankaŭ akcepti Esperanton por atingi la interrilaton. Nuntempe la Ligo organizis en la tuta lando 45 kursojn por la liganoj krom kurso en la Supera Lernejo Elektroteknika, ĉar estas fako deviga la instruado de Esperanto en la Lernejo. En la profesiaj ĵurnalo kaj bulteno aperas artikoloj pri Esperanto kaj adresoj de Esperantistoj. La Liganoj petas informojn al siaj kamaradoj alilandaj pri ilia esperanta agado kaj organizo; pri

ilia profesiaj organizoj; pri adresoj de kamaradoj parolantaj Esperanton por aperigi la adresojn sur la siaj profesiaj gazetoj; ili petas interŝanĝi jurnalojn, gazetojn eĉ fotografaĵojn. La Ligo konsistas el 185.000 membroj, kiuj grupiĝas ĉiuloke, sub komitato, regante la Ligon Centra Komitato en Moskvo, elektata ĉiujare dum la tutruslanda Kongreso. Adreso: C'udovskoj 6. Esperantista Oficejo Moskvo. Estas petate konigi la antaŭon al poŝtistoj, telegrafistoj k. c.

La Senato de la Libera Urbo Danzig, Sekcio por eksteraj aferoj, decidis la 3.an de ĉi tiu monato la jenon: «Por finigo de la organizaj antaŭlaboroj estas donata al Danziga Esperanto-Asacio de 1 febr. ĝis fino de l' kongreso monata subvencio de 1000 gm. el «Dispositionsfonds» de l' Senato kiel salajro por sekretario scipovanta la Esperantan lingvon. Krom tio la centrejo estas komisiata disponigi skribmaŝinon senpage kaj pruntdone por la sama tempo. Sahm.»

En Holandujo kaj Belgujo vigle laboras niaj samideanoj.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid